# KATOLIKA MONDO

Ĉefredaktoro : Kaspar MAYR, London, 16, Red Lion Square.
Redaktoro : W. Solzbacher, Honnef a. Rh., Spiesgasse, Germ.
Kunredaktoroj : Patro M. Carolfi O. F. M., Italio. Prof. P.J. A. Muffang Francio. Pastro J. Makara, Polio.

Esperanto-Organo de Internacio Katolika
kun junula aldono « La Juna Batalanto »




7 a - Kolekto n° 13 — Decembro 1926

Eldonejo kaj ekspedejo : Katolika Mondo Elberfeld, (Ger.)
Poŝtĉekaj kontoj :
Budapest 59169 - Koeln 76105
Paris 80061, Praha 77396
Warszawa 190972
Wien 162473.

## Jam ne estos germanoj nek francoj

De GASTON DUTIL, PARIS

**Juna franca klerikulo, s-o Gaston Dutil el Paris, ceestis al la « Semaine Sociale » de Le Havre, tie fotografis la germanajn partoprenintojn kaj sendas al ni la suban artikolon, kiun ni volonte publikigas. Red.**

En la unuaj tempoj de la kristanismo la idolanoj, rigardante la vivadon de la kristanoj el ĉiuj socialaj klasoj kaj el ĉiuj nacioj, elkriis : « Vidu, kiel ili amas unu la alian ! », kaj tio estis la diferenciga signo de la disĉiplo de Kristo, kiu estis lasinta kiel testamenton la grandan ordonon de la amo : « Amu vin unu la alian !, kiel mi amis vin. Je tio ĉiuj ekkonos, ke vi estas miaj disĉiploj.» Kaj la granda apostolo Paŭlo memorigis la kristanojn de sia tempo, ke depost nun la nova religio de Kristo ne plu estas nacia religio kiel judismo ; ĝi ne plu devas koni naciajn limojn : « Plu ekzistos nek greko, nek judo ; nek barbaro, nek skito......, sed Kristo estas ĉio en ĉiuj,... vi ĉiuj estas unu en Kristo Jesuo. »

19 jarcentoj pasis, kaj ni kristanoj de la 20-a jarcento ekzamenas nian konsciencon, ĉu ni estis fidelaj al la doktrino de l'Majstro.

Kun emocio mi parolas al vi, karaj fratoj germanaj. Estu konvinkitaj, ke mia sola deziro estas, regigi pli multe inter ni la fratan amon : Se Sankta Paŭlo revenus sur la teron, ĉu li povus elkrii : « Jam ne ekzistas nek germano nek franco, sed vi ĉiuj estas nur unu en Kristo Jesuo. » ? Ni demandu nin, kie ni estas en tiu ĉefpunkto de nia kristanismo !

Kia estas la nuna situacio ? Granda nombro da katolikoj de niaj du landoj ne estas vere repaciĝintaj kaj eĉ ne serĉas la repaciĝon. Ekzistas malfacilaj politikaj problemoj solvotaj, mi ne neas tion, sed super ĉiuj malfacilaĵoj ni pensu al la interrilatigaj punktoj, kiujn la kristanismo donas al ni kaj kiuj devus naskigi inter ni germanoj kaj francoj realan amon.

Ĉu Kristo ne donis sian sangon por la unuj kiel por la aliaj : germanoj kaj francoj ; ĉu li ne amis nin ĉiujn ĝis la amo de la kruco ? Kiel kristanoj reaĉetitaj per la sama sango de Dio povus malami unu la alian ? Ĉu ni ne havas la saman dian vivon, kiu nutras nian animon ? Kiel ni povus havi sentojn de antipatio, kiam ni nutras nin per la sama eŭkaristia pano ?

La Eŭkaristio ! Kiom ĝi devus helpi la interpaciĝon de la homoj, kiel ĝin diris Pio XI-a ! Kiel oni povus kompreni, ke germano kaj franco, kiuj ricevas la saman Dion de Amo kaj Paco en sia koro, povus havi sentojn de malamo unu kontraŭ la alia ; tio estus krimo ! Fine ni pensu, ke ni fariĝis germanoj kaj francoj, por eterne vivi kune en la ĉielo !

Ĉe la Sociala Semajno de Le Havre en lasta aŭgusto ni renkontiĝis kun la germana delegitaro. Post kelkaj interparoladoj ni sentis, kiom fortaj estas la ligiloj de la kristanismo, kiuj nin unuigas. Ni bone sciis, ke ekzistas problemoj, pri kiuj la interkonsento ne jam fariĝis, sed super tio ni sentis, ke ni amas unu la alian. Ni rememoris pri ĉiuj tiuj motivoj al reciproka amo, kiuj estas cititaj antaŭe, kaj en niaj rigardoj esprimiĝis sento de frata simpatio,



**La germana delegitaro al la Sociala Semajno en Le Havre**

De maldekstre dekstren : P. H. J. **Terhünte** S. C. J., Köln ; Carl **Havenith,** eldoninto de la katolika germana-franca korespondado, Bonn ; F. **Thömmes,** eldonejestro de « Katolika Mondo », Elberfeld; Univ.-Prof. D-ro H. **Platz,** Bonn ; P. Constantin **Noppel** S.J., München ; Wilh. **Solzbacher,** red. de « Katolika Mondo », Honnef ; Univ.-Prof. D-ro **Schmittmann,** prez. de la « Reichs und Heimatbund Deutscher Katholiken », Köln ; D-ro Herbert **Dankworth,** Frankfurt ; f-ino C. **Kubis,** Solingen.

Tio ne solvos la praktikajn demandojn, diros kelkaj, tio estas vera, sed la reciproka kaj sincera amo preparas atmosferon de paco, de mildeco, de nacia humileco, de repaciĝo, de reciprokaj oferoj, kiu multe plifaciligos la solvon de tiuj problemoj.

Kaj bone rimarku, ke mi nur alvokis argumentojn de kristana ordo ; kiom da argumentoj de homa ordo oni ne povus alvoki por la repaciĝo de la germanoj kaj de la francoj ! Sed por ni kristanoj la unuaj sufiĉas.

Ni devas kuraĝi demandi nin, ĉu jes, ĉu ne, ĉu ni serioze sekvis la ordonon de Kristo pri la amo al nia proksimulo, al ĉiu nia proksimulo. Antaŭ ol ricevi nian Dion en la Sankta Komunio, ni demandu nin sincere, ĉu — kiel Kristo postulas en Evangelio — ni ne plu havas al niaj alilandaj fratoj sentojn de malamo kaj ĉu ni estas lojale decidintaj repaciĝi.

Sekve, devoj rezultas por ni. — Unue kompreni, ke nia amo devas esti katolika, t. e. universala, hodiaŭ ni diras pli klare : internacia. Kompreni, ke tiu amo ne estas io duagrada, sed io esenca en la kristanismo. Tiu amo ne konsistas unuavice en tio, ke oni montras sentojn de videbla simpatio al tiuj, kiujn oni nomas niaj malamikoj — tio estas idolana maniero kaj ne kristana, paroli — sed ĝi konsistas precipe en la amo de la volo.

Ni ne faru al ni iluzion : tiu amo estas io tre pozitiva. Kiel ĝi manifestiĝas ? — Memorigi al ni ofte, ke francoj kiel germanoj estas reaĉetitaj per la sama sango de Kristo, kaj preĝi unu por la alia !

Karaj amikoj, ĉu vi konas la Internacian Eŭkaristian Dimanĉon ? Ĉiujn unuajn dimanĉojn de la monato francoj kaj germanoj komuniiĝas unuj por la aliaj. Ĉu vi kredas je la efikeco de la preĝo ? Ĉu vi kredas je la potenco de la Eŭkaristio ? Ĉu vi volas sinceran repaciĝon de la katolikoj de Germanujo kaj de Francujo ? Komuniiĝu por viaj francaj fratoj, por viaj germanaj fratoj ! Unuiĝu vin precipe je la unua dimanĉo de ĉiu monato kun ĉiuj katolikoj de Germanujo, Belgujo, Francujo, kiuj komuniiĝas por la repaciĝo de niaj du popoloj, por ke fine regu la definitiva paco !

Ni same pensu preĝi por ĉiuj mortintoj de la milito : germanaj kiel francaj. Ni komprenu, kiom fekunda tia preĝo estos ĉe Dio. Kia etapo en la vojo al la repaciĝo estos farata en tiu tago, kiam en la Katedralo de Paris oni kantos Requiem-meson por la germanoj mortintaj en la milito kaj kiam en unu el la grandaj preĝejoj de Germanujo oni faros la saman por la francoj !

Serioze pripensu ĉion, kion vi povas fari por la repaciĝo de niaj du popoloj. Kristo petas ĝin de vi, la Kristo, kiu mortis sur kruco, ĉar Li amis nin, kaj kiu antaŭ sia morto diris pensante al tiuj, kiuj lin alkrucigis : « Patro, pardonu al ili! »

Ĉu ni estos kristanoj aŭ idolanoj en ĉi tiu punkto, tia estas la demando. Ni pensu, ke ni devas havi influon en nia rondo familia, profesia kaj socia. Ni ĉiam havu la emon diri la vorton, kiu kvietigas la malamon, ni estu semantoj de paco kaj amo ; tiel ni denove estos veraj disĉiploj de tiu, kiu diris : « Amu vin unu la alian ! »

# Bildoj el la eklezia vivo de Nordameriko

De Mgr. D-ro Sigmund Waitz, episkopo de Feldkirch ( Aûstrujo )

(Fino)

La katolika Eklezio ĝuas la plej grandan estimon en la publika vivo. Unu el la kaŭzoj estas ankaŭ, ke en la granda komerca mondo honesteco kaj diligenteco estas alte estimataj. Sed diligenteco estas plej bone certigata tie, kie la religia vivo estas fervore flegata. Estis surprizige, ke la prezidanto de la Unuigitaj Ŝtatoj, respondante la inviton al la kongreso, akcentis ĝuste ĉi tiun momenton. « Ni amerikanoj » — eble tiel li diris en sia respondo — « estas riproĉataj, ke ni estas tro multe komercistoj. Eble multaj diras ĝin nur tial ke ili ne sukcesas imiti nin. Sed nia sukceso ne estus tiel granda, se ne ankaŭ moralaj fortoj estus efikaj. Nia tuta komerco bezonas fortikan fundamenton, kaj tiun kreas la religio.» En unu el la plej grandaj bankoj de Chicago, kiu laborigas pli ol 2000 personojn, oni treege preferas, kiel oni diris al ni ĉe vizito, la katolikojn pro ilia pli granda fidindeco kaj honesteco. Estus eĉ strange, se la praktika sento de la amerikanoj ne eluzus tiajn spertojn. Sed ili ankaŭ ne lasas sin deteni per iaj aliaj konsideroj, eluzi ilin. « La religio »— diras la Sankta Skribo — « estas utila al ĉio, ĉar ĝi havas por si la promeson de ĉi tiu kaj de la alia vivo. » Ĉu ne ĝuste ankaŭ en ĉi tiu valorigo de la religio por la transa mondo kuŝas la kaŭzo, ke la katolika religio en Ameriko tiel progresas? La bankroto de granda komerca firmo estas malĝojiga — la bankroto de ĉiuj metafizikaj esperoj eĉ multe pli malĝojiga. Sankta Paŭlo iam diris al la komercistoj de la komerca urbo Ephesus : «Vivu kiel saĝuloj, ne kiel malsaĝuloj. Aĉetu la tempon, t. e. valorigu ĝin por la eterneco.» Tempo estas mono — diras la amerikano. En pli alta senco: Tempo estas valora por la eterneco. Tio estas temo, kiu adaptiĝas al la amerikano.

La kongreso en Chicago tamen ne estus veninta al tia alteco de la sukceso, se ne persono de admirinda energio kaj granda organiza talento estus aranĝinta la aferon. Tiu estis Kardinalo Mundelein de Chicago. La laboro, kiun postulis la kongreso, estis giganta kaj preskaŭ facile estis plenumata. Chicago troviĝas preskaŭ en la centro de Nordameriko ĉe la Michigan-lago kaj povas ankoraŭ senmalhelpe disvastiĝi. Ĝi nun laŭ grandeco estas la dua urbo de la Nova Mondo kaj konkuras kun New York. La novjorkanoj ja mokas pri tiu konkurencemo de Chicago kaj kredas, ke estus neeble, ke Chicago iam atingu la loĝantaron de New York, New York estas la pordego de la oriento. Sed Chicago havas multe pli grandan etendeblecon ol New York, kiu pene etendiĝas sur malvasta duoninsulo. Chicago havas fortan intencon, disvastiĝi per ĉiuj eblaj iloj. Pri la kongreso la loĝantaro de Chicago estis fiera. La urbestro de Chicago, tiu urbo de tri milionoj, estas katoliko kaj dediĉis viglan intereson al la tuta religia manifestado. La urbo portis riĉan festornamon je la kongrestago. Ĉiuj urbaj konstruaĵoj estis ornamataj, plej riĉe la ĉirkaŭaĵo de la Stadio, centrejo kaj scenejo de la solenoj. La komercistaro de Chicago volis por tio disponigi grandajn sumojn al la kardinalo, sed la kardinalo rifuzis kaj vidigis la deziron, ke la urbo mem zorgu por la ornamo. Kaj Chicago estas fiera pri sia kardinalo. Kiam li revenis el Romo kun nova titolo, la urbo transdonis al li du milionojn da dolaroj por ekleziaj celoj. La urbo Chicago ankaŭ iniciatis, ke nova urbparto ricevu la nomon de la kardinalo. Ĉe la kongreso la urbo denove montris, kiom ĝi ŝatas sian kardinalon. Sed la kardinalo ankaŭ estas fiera pri sia Chicago, kaj tiel venis, ke la tuta mondo estis invitata kaj honore akceptata al la kongreso. El Oriento kaj Okcidento, el Nordo kaj Sudo — el Eŭropo, Azio, Aŭstralio kaj Afriko alvenis la gastoj, — trans la Atlanta Oceano kaj trans la Pacifika Oceano ili vojaĝis invitite kaj gasteme bonvenigite de Chicago kaj Usono. Tio estis tute stranga. La episkopoj mem jam donis bildon pri la Universala Eklezio. El Usono mem 100 episkopoj ĉeestis, sed ankaŭ episkopoj el Meksiko kaj Kanado, el la diversaj ŝtatoj de Sudameriko, el Kolombio, Argentino kaj Brazilio. El la Eŭropaj landoj plej multnombre estis reprezentataj : Italujo, Germanujo, Aŭstrujo, Francujo, Hungarujo, Belgujo, Nederlando, Ĉeĥoslovakujo, kaj Jugoslavujo. Ankaŭ Aŭstralio estis reprezentata. Kiam oni decidis havi la proksiman kongreson en Aŭstralio, tiea episkopo povis esprimi sian ĝojon. Ankaŭ ĉeestis episkopoj el Kubo, Jamajko, Filipinaj Insuloj kaj maronita episkopo. Tiel Chicago efektive prezentis centron de la eklezia vivo. Eble oni iam nomos ĝin la **Amerika Romo**, kiel oni parolas pri Köln (Kolonjo) kiel Germana Romo. Kaj tion oni dankas al la influo de Kardinalo Mundelein. La eklezia vivo de Nordameriko plu evoluos. Ĉu Eŭropo ne devus bone atenti tiun evoluon ? Unu afero ĉefe devus esti lernata en Eŭropo — ekzili la spiriton de Luther kaj la spiriton de Voltaire kaj kompreni la gravan malutilon, kiu el ili estiĝis por nia kontinento. Al Ameriko atendas novaj kaj grandaj taskoj. Mondimperio kun tia evoluebleco, komerca imperio kun tiuj multaj rilatoj havas specialan taskon servi la mondmision. Sed Eŭropo sin gardu, ke ne realiĝu, kio estas skribita en la Apokalipso : « Mi volas forŝovi vian lumingon ! « Ĝi gardu sin, ke la idolanismo ne fariĝu estro. Oni ne malestimas sen gravaj sekvoj tion, kio estas la vivo de la popoloj : la katolikan Eklezion. Nuntempe la usono stela standardo flirtas en la Regno de Kristo. La Eŭkaristia Kongreso manifestis ĝin.



# El la fabriko

Originale verkis Heleno Fiedler (Hungarujo)

Post longa pritraktado inter si mem, la estraro venigis la oficistinon okupiĝantan pri la laboristaj aferoj.

Ŝi per rapidaj paŝoj venis, kaj post la saluto demandante levis sian okulrigardon je la unu estro.

« Fraŭlino-diris la estro post la resaluto - jen la listo de tiuj gelaboristoj, kiujn ni bedaŭrinde el la fabrikejo eksigi devas ».

La oficistino maŝine transprenis la paperfolion, dume ŝiaj okuloj larĝe malfermiĝis pro la surprizo, sed ekparoli ŝi ne povis, kvankam en ŝia cerbo unu penso pelis la alian. Ŝi ekmemoris, ke hodiaŭ estos sankta vespero, la memorfesto de naskiĝo de Jesuo Kristo, kiam ĉiu kaj ĉie ĝojas en la palacoj same kiel en la dometoj. Sed kiel povos tiuj homoj ĝoji, kiuj hodiaŭ perdas sian panon ?

Jam ŝi volis tion komuniki al la estro, sed li daŭrigis :

« Ne estas alia solvo. Vi ankaŭ vidas, fraŭlino, la malfavorajn cirkonstancojn, la fabriko kvazaŭ luktadas kun la malfacilaĵoj, kun la malhelpoj. La negoco staras, ne estas vendado ; la komercaĵo, je kiu ni dediĉis multajn monojn, amasiĝas en niaj magazenoj, ne venas aĉetemuloj. Kaj la bankoj tiel altan procenton kalkulas por la pruntoj. »

La oficistino senmove staris antaŭ la estro, ŝajne rigardante la parolanton. Sed antaŭ ŝiaj animaj okuloj alia vidaĵo aperis : malriĉaj hejmoj, sur la tablo Kristnaskarbo, sed ho ve! sen sukeraĵo, sen origitaj nuksoj, kaj sub ĝi la gepatroj kune kun la infanoj ploras.

« Do vi eldonos hodiaŭ ties dokumentojn, kies nomo sur la papero estas, finis sian paroladon la estro. Nek unu estas el ili retenebla. Tiel deziras la intereso de la fabriko ! »

La oficistino per malrapidaj paŝoj ekiris en sian oficejon reen. Ekstere dense neĝis, ĉio estis jam blanke kovrita. Blankaj konstruaĵoj, blankaj arboj en la ĝardeno ; kaj la tuta donis unu mildan pacan bildon, ke vidante ĝin, la homa animo ankaŭ repaciĝas. Sed nun subite vento venis, ekskuis en ŝia mano la paperfolion, kaj jam for estis la paca bildo, denove aperis la malriĉaj loĝejoj kun la malplenaj Kristnaskarboj.

Tri horoj estis ankoraŭ ĝis tagmezo. La oficistino klopodis sin enprofundigi en la laboron, sed ne sukcesis. De tempo al tempo haltis la plumo en ŝia mano, kaj aperis antaŭ ŝiaj animaj okuloj la malgajaj loĝejoj kun la pli malgajaj enloĝantoj.. Kiam la fabrika fajfego signalis la tagmezon, la malgaja societo vidiĝis en la oficejo. La oficistino demandis la nomojn unu post la alia kaj faris ties finkalkuladojn.

Familiaj patroj estis inter ili, ĉirkaŭ kvardekjaraĝaj, tiuj per mallongaj vortoj petis siajn ricevotaĵojn, nek plendis, nek ĝemis, sed en iliaj okuloj la plej granda malesperiĝo vidiĝis.

Ilin sekvis invalido, viktimo de la milito. Li estis ankaŭ nur kvardekkvinjara laŭ siaj skribaĵoj, sed aspektis kiel maljuna homo. Maljunigis lin la travivitaj suferadoj, turmentadoj. Laŭ lia konfeso lia korpo triloke estas trapafita, kaj pro iu ŝrapnelero li ricevis nervomalsanon, kiu igas lin ĉiam balanci la kapon. Terure estis, lin rigardi, la koro tiel kunpremiĝis vidante lin. Transpreninte sian skribaĵon, peza ĝemo venis el lia koro, kaj balancante sian kapon, kun granda rezigno li diris : « Por ĉi tio estis inde, oferi mian sanon kaj laborkapablecon ! »

Kaj tiel plu. — Unu vidaĵo estis pli dolora ol la alia. La oficistino jam apenaŭ povis fari la demandojn, sian koron sentis ŝi en sia gorĝo. Ŝi volis ilin konsoli, esperon verŝi en iliajn malesperigitajn animojn, sed per kio? Kion ŝi diru ? Diru, ke la situacioj baldaŭ reboniĝos, ke ili jam morgaŭ ricevos novan postenon ?

# Eklezia Revuo

**En Meksiko** Mgr. Pedro Vera y Zuria, ĉefepiskopo de Puebla, kaj dek pastroj el Chilapa estas enkarcerigitaj. Oni akuzas ilin pri konspiro kontraŭ la registaro.

**La Internacia Katolika Unuiĝo por Sociala Laboro** havis sian duan konferencon en Bruxelles (Belg.) 15-17 oktobro.

**En Aŭstrujo** prelato D-ro Seipel estas denove kanceliero (ĉefministro).

**En Louvain (Belg.)** la kolegio Saint-Antoine estas denove malfermita. Ĝi estis fondita 1606 per P. Florence Conry O. M., posta ĉefepiskopo de Tuam, fermita en la Franca Revolucio. Ĝi estis destinita por la irlandaj franciskanoj studantaj en la katolika universitato de Louvain.

**La nova ambasadoro de Peruo** ĉe la Vatikano estas D-ro Eleodore Romero.

**En Turkujo** novaj edziĝoleĝoj estas enkondukitaj, similaj kiel en Eŭropo.

**La apostola vikario de Jamajko** Mgr. William O'Hare S. J., titola episkopo de Maximianopolis, mortis per akcidento en Kingston la 11 oktobro.

**Monaĥejo kaj preĝejo Saint-Denis** (Franc.) festis 13-centjaran jubileon.

**Sankta Johano de la Kruco** per Apostola Letero (« Die vicesima septima ») estas nomita Eklezia Doktoro. (Actae Apostolicae Sedis, 1 okt. 26).

**La nova efepiskopo de Buenos Aires** (Argentino) estas R. P. José-Maria Bottaro O. M.

**La episkopo de Chelmno** (Pol.) Mgr. Augustin Rosentreter mortis 82 jara. Depost 1898 li estis episkopo de Chelmno.

**La festo de Sankta Francisko** (4 okt.) estas festita kiel nacia festo en tuta Italujo. En Assisi okazis soleno sub gvido de la papa delegato Kardinalo Merry del Val.

**« L'Union Catholique d'Etudes Internationales »** havis sian sesan ĉefkunvenon en Wien (Aŭstr.) 3-6 oktobro. Ĉeftemoj diskutitaj: religia persekuto en Meksiko, edukaj problemoj ĉe la Ligo de Nacioj, kunlaborado de la katolikoj en la laboroj de la nekatolikaj societoj por la L. de N.

**Mgr. Cheng**, unu el la ses novaj ĥinaj episkopoj, havis danĝeran aventuron en sia vojaĝo al Romo. Transirante la riveron Jang-Tse-Kiang bando da soldatoj de la Norda Armeo kaptis lin, rabis ĉion, kion li havis, kaj nur redonis al li la liberecon kaj la plej necesajn vestojn, post kiam li klarigis al ili, ke li ne okupas sin pri la politiko, sed ke li vojaĝas al Italujo kaj Romo por esti episkopigata per la papo.

**Kardinalo Schulte de Köln** (Germ.) nun troviĝas en Romo kaj intertraktas pri fondo de fakultato pri kanonika juro ĉe la universitato de Köln.

**La jugoslavaj episkopoj** havis sian nunjaran kunvenon en Zagreb, 11-20 oktobro. Ĉeftemoj: skisma propagando, sekto de la « malnovkatolikoj », persekuto kontraŭ grekritaj katolikoj en Makedonujo kaj Bosnio, kateĥismo en la unuakaj duagradaj lernejoj, problemo de la terposedo; posedaĵoj de la eklezio, decidoj kontraŭ la enkonduko de civila edziĝo kaj kontraŭ militservo de la pastroj.

**La ĉeĥoslovakaj episkopoj** kunvenis fine de oktobro en Praha sub prezido de ĉefepiskopo D-ro Kordac. Grava estas la propono, ke la katolikaj parlamentanoj de la diversaj nacioj kreu unuecan kunlaboradon en aferoj, kiuj koncernas la defendon de la katolika religio.

**La ĉeĥa registaro** intertraktis kun la Slovaka Popola Partio pri ties eniro en la registaron. Inter la kondiĉoj de la slovakoj estis la redono de la konfiskitaj ekleziaj posedaĵoj.

**La belgaj episkopoj** petis, ke oni ne invitu ilin al la edziĝofesto de la kronprinco Leopold kun la sveda (protestanta) princidino Astrid, ĉar tio estos religie miksita edzeco.

**La Ligo de la Katolikoj de Alsaco** havis sian nunjaran kongreson en Cernay, 14-17 oktobro. Paroladoj de Mgr. Ruch, episkopo de Strasburg, S-ro François Saint-Maur kaj kanonikoj Brun kaj Gaston Louis.

**La katolika eklezio en Aŭstralio** bone progresas. Nun en tiu kontinento laboras 1413 pastroj, 843 laikaj monaĥoj kaj 1103 monaĥinoj. Ĉiujare okazas ĉirkaŭ 200 pastriĝoj.

**Konvertiĝoj en Usono** nun estas tre oftaj. Ĉ. 80.000 personoj ĉiujare konvertiĝas al la katolika eklezio. Laŭ artikolo de amerikana jesuito en la angla gazeto « Catholic Times » oni dankas tion precipe el la radio-propagando.

**En Japanujo** grava radio-stacio invitis katolikan pastron fari paroladon pri la katolika religio. Tioje la unua fojo ebligis tian publikan propagandon en la lando.

**La konkordato kun Rumanujo** nun estas preta. Oni esperas, ke ĝi baldaŭ povos esti akceptata.

# Leterkesto

**Niaj belgaj kaj italaj amikoj** estas informataj, ke K. M. aranĝos poŝtĉekajn kontojn en Bruxelles kaj Roma.

**A. W. en B. kaj aliaj.** Kompreneble la informo, ke IKA en Einsiedeln akceptis la latinan lingvon kiel solan internacian helplingvon, estas nevera, kontraŭe Esperanto estas varme rekomendita. — Al tiaj malicaj artikoloj ni ne respondos; ke S-ro R. skribas ilin en la sama momento, kiam li sendas leterojn pri «reunuiĝo» de la organoj, ne estas signo de sincereco, eĉ ne de saĝa diplomatio!

**Komuna adreso** de redaktejo kaj eldonejo depost nun estas simple: Katolika Mondo, Elberfeld. Aldono de stratnomo nenecesa. Al Wilh. Solzbacher sendu nur artikolojn por « Juna Batalanto ».

**Je Kristnasko** oni donacas librojn. Niaj legantoj mendas siajn librojn, ĉu en Esperanto, ĉu en nacia lingvo, ĉe Eldonejo K. M., Libreja Fako, Elberfeld, kiu liveras je la samaj kondiĉoj kiel ĉiu librejo. Tiel subtenu vian gazeton!

**M. S.** Bedaŭrinde ni ne trovis lokon, por enpresi vian tre interesan, sed tro longan artikolon pri Jozefo Görres.

**C. G. en T. kaj aliaj.** Jes estonte ni regule publikigos malgrandajn notojn pri grupoj, kursoj ktp. Sed nur tute mallonge! Ni ne estas klubgazeto (tiun taskon ni lasas al aliaj), ni havas pli gravajn celojn.

W. S. kaj F. Th.

## Abonprezoj por la jaro 1927

| | | | |
|---|---|---|---|
| Anglujo | 1 s | Hungarujo | 18000 k |
| Argentino | 0.75 po | Italujo | 5 lir. |
| Azio | 1 s | Japanujo | 1 s. |
| Aŭstralio | 1 s | Jugoslavujo | 15 din. |
| Aŭstrujo | 1.7 s | Latvujo | 1 s. |
| Belgujo | 1.7 bel. | Litovujo | 2.5 lit. |
| Brazilio | 2 mr | Luksemb. | 6 fr. |
| Bulgarujo | 30 lew. | Meksiko | 0.25 d. |
| Ceĥoslovakujo | 7 kĉ | Nederlando | 0.7 fl. |
| Centra Ameriko | 0.25 dol | Polujo | 2 Zl. |
| Danujo | 1 kr | Portugalujo | 4 esc. |
| Danzigio | 1 s. | Rumanujo | 40 lei |
| Francujo | 6 fr. | Svedujo | 1 kr. |
| Germanujo | 1 RM | Svisujo | 1,25 fr. |
| Grekujo | 18 draĥ | Usono | 0.25 d. |
| Hispanujo | 1.5 pes. | | |

**Ciuj prezoj estas kvaronjaraj kaj pagotaj antaŭe, ĝis la 1 a de Janura plej malfrue.**

# LA ATEISMO

(El la plej rekomendinda verko de REINKE, « Naturscienco, moudkoncepto, religio » kun afabla permeso de la eldonejo Herder, Freiburg i. B.)

La ateismo estas produkto de la filozofieo. Ĝi naskiĝis el cerbumadoj de la studĉambroj. Ĝi deklaras la Dioideon eraro. Metafizike la ateismo estas malkompletaĵo en la mondbildo, nihilismo. Ĝi estas daŭrigata per tio, ke filozofoj imagas, ke por klarigo de la naturo sufiĉus la naturleĝoj; supozi Leĝdonanton de tiuj ĉi leĝoj, ne estus necese. Ofte oni «ekkonoteorie» aldonas, ke la homo ja mem nur estus enmetinta la leĝojn en la naturon kaj nun miregus pri miraklo, kiun ĝi mem kreis. La tiel juĝantaj sinjoroj kutime forgesas demandi, de kie do la homo kune kun sia ekkonopovo devenas; ĉar ke en pasintaj terepokoj homoj ne ekzistadis, sed tamen la plej diversspecaj bestoj kaj plantoj, estas plencerte: ĉiu paleontologia muzeo informas pri tio. Aŭ ĉu tiu ekkonoteoria aserto efektive signifu pli ol ŝercon, laŭ kiu la al la petrefaktoj respondantaj bestoj ne povas esti vivintaj, ĉar vivaj estaĵoj de l'regno animala nur estas imagoj de l'homo? Kaj plue, ĉar ekz. dum la karbonepoko ne jam estus vivintaj homoj, tial ankaŭ en tiu tempo ne jam povus esti ekzistintaj bestoj, ĉar vivantaj bestoj ekzistus nur kiel imagoj en la homa spirito?

Kiamaniere la ateismo kiel konsekvenco povas rezulti el la naturscienco, estas al mi neeltroveble; pri tio ja ĉiuj konsentas, ke Dio ne eniras la realan mondon; kaj tial Lia esploro ankaŭ al ĉiu naturscienca metodo estas neebla. La teismo estas elnatura indukto, plivastigita en la metafizikan sferon. Sed ankaŭ la ateismo estas metafizika ideo; ĝi havas nur negativan antaŭsignon (—), kontraŭe tiu de la teismo estas pozitiva (+). En letero Helmholtz protestas pri tio, ke li estu ano de la «trivialaj frazaĵoj» de Karl Vogt kaj Moleschott; ankaŭ kontraŭ tio li devis protesti, ke tiuj ĉi du homoj estis rigardataj kiel reprezentantoj de la naturscienco. Neniu el ambaŭ ĝis nun pruvis per sciencaj specialesploroj, ke li akiris al si la respekton pri la faktoj kaj ia singardemon de l'konkludado, perlaboratajn per la skolo de l'naturesplorado. Ankaŭ König rimarkigas, ke la naturesploristoj per sofismoj provis refuti la por ekzisto de superhoma Inteligenteco de ĉiam cititajn kaŭzojn. El la nombro de ĉi tiuj naturesploristoj krom Vogt, Moleschott kaj Büchner precipe estas nomendaj Haeckel kaj Arnold Dodel kiel disvastigintoj de l'ateismo per populara literaturo. Liebig nomis, kiel jam antaŭe akcontite, tiajn naturesploristojn « promenantoj apud la limoj de la scienco ».

Kelkaj naturesploristoj certe ja haltas en sia pensado je la limoj de l'sfero fizika, nomante sin tiam, eĉ kun ioma fiero, ateistoj. Ili montras, ke en la pensaro de l'homo neniu ideo, neniu teorio ekzistas, kiu en la tempopasado ne kaŭzis la kontraŭan teorion aŭ ideon. Klarigebla fariĝas la ateismo ĉe kelkaj naturesploristoj nur per tio, ke ili malatentas la spiriton, regantan la tutaĵon de la naturo, sed ke ili ŝiras el la konekso grupojn de fizikaj kaj ĥemiaj fenomenoj kaj sole al ili direktas sian atenton, arbitre supozante, ke nur la sento perceptebla resp. la materia mondo povas havi realecon; ankaŭ la fakto, ke ni ne kapablas, pruvi senpere aŭ pli bone dirite manpalpeble la serĉatan Prakaŭzon, sufiĉu laŭ ili, nei Ĝian ekziston. Ĉi tiu ateismo estas negativa aŭtosugestio, kaŭzita ankaŭ per la antipatio kontraŭ la tielnomata misticismo.

La ateistaj naturesploristoj rajte postulas, ke ĉiuj naturscienca klarigoj de la fenomenaro restas en la kadro de la naturo kaj ĝiaj leĝoj; sed se ili tial volas malpermesi la allason kaj agnoskon de Dieco kiel estro de la naturo, tia agado jam pro tio estas nelogika, ĉar la Dieco apartenas al la metafizika sfero kaj ne eniras la

## Al niaj legantoj!

Kun la lasta numero de la jaro 1926 la redaktejo kaj eldonejo sendas siajn tutkorajn Kristnasko-kaj Novjarsalutojn al ĉiuj gelegantoj!

La 7-a jarkolekto havis grandegan signifon por nia laboro. Ĝi fine portis stabiligon en la krizoplenan historion de nia kara gazeto.

Ni povas esti kontentaj kaj fieraj. Ĉar en tempo kiam aliaj Esperanto-gazetoj plendas pri perdo de abonantoj, kiam la ekonomiaj krizoj akre premas multajn de niaj amikoj, ni progresis kaj konsiderinde pligrandigis nian abonantaron. Kaj eĉ multe pli granda estus nia sukceso, se ĉiuj, kiuj je la komenco de la jaro troviĝis sur nia listo, estus regule pagintaj!

Je la komenco de 1926 ni decidis eldoni la gazeton dusemajne. Ni ne sukcesis. Venis gravaj teknikaj malhelpoj kaj venis krizoj financaj. En konferenco de Elberfeld fine ni kreis solidan garantian bazon por nia laboro, kaj vere ni sukcesis pliintensigi la agadon. Vi ricevis 13 numerojn kun amplekso de 18 1/2 simplaj numeroj, ni publikigis gravajn artikolojn de eminentaj katolikaj gvidantoj, ni regule donis kronikojn pri faktoj de internacia katolika signifo, ni enpresis ilustraĵojn. Kaj K.M. jam komencas esti atentata en gravaj rondoj kaj en grandaj gazetoj kaj ĵurnaloj. Antaŭen en tiu laboro!

*En la jaro 1927* granda progreso estas certa. Krom la ĝisnunaj kunlaborantoj multaj eminentaj gvidantoj diverslandaj promesis kunhelpi. Korespondantoj en ĉiuj landoj regule sendos interesajn novaĵojn. «*La Juna Batalanto*», el kiu niaj junaj pioniroj kreis vere imponan heroldon de la juna ventego, daŭrigos sian entuziasman batalon. Novaj kampoj de la katolika agado, ekz. la *socialaj movadoj*, estos regule pritraktataj, kaj ni estas certaj, ke vi estos kontentaj. Nun kelkaj praktikaj sciigoj:

*Komuna adreso:* Por plisimpligi la laboron, depost nun komuna adreso por eldonejo kaj redaktejo, estos: Katolika Mondo, Elberfeld (stratnomo nenecesa). Adresu ĉon tien. Wilh. Solzbacher, kiu en ĉi tiu jaro gvidis la teknikan redaktejon, transdonas ĝin al la Elberfeldaj kunlaborantoj, kompreneble li restos kunredaktoro. Ĉion por «La Juna Batalanto» kaj MOKA oni ĉiam sendu al lia adreso!

*Pagoj.* Regula pagado estas nepre necesa por bona funkciado de nia gazeto. Pagu tuj! Ni akceptas pagojn por kvaronjaro, duonjaro, aŭ tuta jaro. Vi trovas tabelon de la naciaj abonprezoj en la hodiaŭa numero. Pagu al niaj poŝtkontoj len Aŭstrujo, Ĉeĥoslovakujo, Francujo, Germanujo, Hungarujo, Polujo, la kontojn vi trovas sur la kapo de nia gazeto. El aliaj landoj sendu la monon en Internaciaj Respondkuponoj havеblaj en ĉiu poŝtoficejo, aŭ en banknotoj al Elberfeld! — Tiuj amikoj, kiuj estas senlaboraj aŭ kiuj pro familiaj zorgoj ne povas pagi, estas petataj tion komuniki (sub diskreteco) al la eldonejo, ili tiam ankaŭ plu ricevos la gazeton. Kiu nek pagas nek sendas tian informon, estos forstrekata el la listo.

*Propagando* estas plej grava tasko. Ĉiu leganto varbu almenaŭ unu novan abonanton!

*Je Kridsnasko,* festo de la paco, niaj amikoj ankaŭ pensu pri sia gazeto! Sendu donacojn al Elberfeld! Aĉetu tie viajn librojn! Donacu al viaj amikoj jarabonon de K.M.

**Nia Esperanto laboro** nen devas estis pliviĝligata. Aranĝu kursojn! Faru paroladojn en katolikaj unuiĝo, speciale en la junularo!

**Anoncoj.** Varbu anoncojn por K. M. (Kondiĉojn sendigu al vi de Elberfeld). Aĉetu ĉe la anoncantoj de via organo!

Antaŭen en la nova jaro al la nova mondo, de la Paco de Kristo: al la «*Katolika Mondo*»!

*Eldonejo kaj Redaktejo.*







**Korespondado**

PASTRO JOHANNES FISCHER, Lautawerk, LAUSITZ (Germ.), deziras korespondi kun francaj klerikuloj pri pacideoj kaj franc-germanaj rilatoj.

Dro. CLAUSING religia profesoro, ELBERFELD (Germ.), Steinbeckerstr., deziras korespondadon kun britaj klerikuloj. (angle)

fenomenan kampon, kiun ni nomas naturo.

Tia ateismo restu limigata je la studĉambroj de la sciencistoj; popularigata ĝi sekvigas dangêran nihilismon, al kiu nenio estas sankta, kaj kiu precipe ĉiun religion suferŝutas per insulto kaj moko; praktika konsekvenco de tio estas la dissolvo de la homa socio al ĥaoso kaj la detruo de tio, kion ĝi konstruis en longa spirita luktado. Kontraŭe de tio la malnova, de Bacon tiel sagace formulita doktrino estas firmetenenda, ke ĉe profunda observo de la naturo nenio parolas por la ateismo, sed ĉio por la ekzisto de Dio. La sur natursciencojn sin apoganta ateismo estas eraro. En la naturo ne regas anarkio, sed ĝi reguliĝas per leĝoj kaj estas plenorda.

Ofte la ateismo renkontas nin ne kiel esprimo de l'intelekto, sed de la volo; pro antaŭjuĝoj oni nenion volas scii pri Dio. Tio koncernas precipe tiajn ateistojn, kiuj estas tute malspertaj en natursciencoj, kiel Nietzsche, celinta liberigi la homaron de Dio. Rimarkinda estas jena eldiro de la al ateismo inklinanta filozofo Friedrich Jodi: « La ateismo terurigas multajn homojn. Ne, ĉar la ateisto neas estaĵon, kiu ekzistante, ne bezonas la pernoman legitimacion, kaj kiu de sur sia suverona iromo en a universo devus rideti pri la rifuzo de ĉi tiu legitimacio kiel pri infana stultaĵo de sia krei taĵo, sed pro alia kaj multe pli profunda kialo. La ateismo ŝajnas neadi krom la Dieco samtempe la etikan gravecon de la vivo: la ekzistado fariĝas ludo de krudaj fortoj, en kiu ĉio dependas nur de tio, ke oni kiel eble plej longe tenas sian lokon kaj akkaptas kiel eble plej multe da ĝuo.... Ŝajnas ankaŭ, ke la kredo devas alkroĉiĝi al valoroj, kreataj en la profundoj de l'unuopa animo, sed tamen daŭrontaj eterne; alkroĉiĝi al trezoroj, kolektataj ja surtere, sed konservataj en lokoj, kie neniu rusto ilin mordetas kaj neniu ŝtelisto ilin ŝtelas, posedaĵo por la eterno. Tiaj animostatoj estas eksterordinare vastigitaj. Iliaj ekzisto kaj forto unuavice evidentiĝas eble el tio, ke hodiaŭ ankoraŭ al la plimulto de l'homoj estas perataj ĝiaj moralaj ideoj en plej intima konekso kun la religia imagaĵaro. »

Kontraŭ tiaj konsideradoj denove estu atentigate pri la starpunkto de Goethe. Eckermann esprimas al li iutage sian miron pri la kovado de silvio, pri la gepatra, nek danĝeron nek kaptotecon timanta amo de la birdo. «Malsaĝulo», respondis Goethe kun multsignifa rideto, « se vi kredus al Dio, vi ne miregus. »

Al Li la mondon movi nur konvenas,
Naturon regi sole Li kapablas,
Do ĉio vivas, estas nur per Li,
Per Lia forto, menso, harmoni'.

« Se Dio ne vivigus la birdon per tia ĉiopova instinkto al ĝiaj idoj, kaj se la samo ne fariĝus en ĉio vivanta de l'tuta naturo, la mondo ne povus ekzisti! Sed tiel la Dia forto ĉiam estas disvastigata kaj la eterna amo ĉie efika.»

Fine estu, almenaŭ mallonge, ankaŭ rememorigate pri la senviva naturo. La leĝo de la entropio tiom kontraŭdiras la ateismon kaj tiom pledas por kreo de la mondor ke Haeckel serioze postulis de la fizikistoj ĝian nulignon.

Trad. Ew. Brenken, Bochum.

# El Rusujo

(Originala letero el Rusujo al «Katolika Mondo»

— — — iomete el la vivo de la rusa ortodoksa Eklezio. — La malpaco inter t. n. «malnoveklezianoj» kaj la «viveklezianoj» ĝis hodiaŭ daŭras tre intense. Venko ĉiam okazas je flanko de «malnoveklezianoj», ĉar la tuta kredantaro estas kun ili. La «viveklezianoj» tre energie agadas per kalumniado kontraŭ siaj malamikoj, ekz. dum sia «koncilio» (en oktobro de 1925 en Moskva) la ĉefgvidanto de la «Vivanta Eklezio» metropolito A. Valdenskij dum sia parolado kalumnie denuncis kontraŭ la posteulo de la mortinta Patriarko Tiĥon, metropolito Petro, akuzante lin je malamikeco kontraŭ la Sovjeta Potenco. Rezulte metropolito Petro atendas juĝproceson kaj plu ne gvidas la ortodoksan eklezion. Anstataŭ li gvidas ĝin metropolito el urbo Niĵnij-Novgorod — Sergius. (Antaŭ la revolucio li estis ĉefepiskopo en Finnlando. Li tre instruita metropolito estas.) Post fermo de la supre nomita «Koncilio» la kvanto de la «viveklezianoj» tre malgrandiĝis. Tion eĉ la ĉefgvidanto mem de la «Vivanta Eklezio» ne kaŝas en sia raporto, presita en la gazeto. La kredantaro kun granda abomeno kaj indigno rilatas al ili kaj tre energie elpelas ilin el siaj paroĥoj, insistante nur pri pastroj, kiuj estas malnoveklezianoj. — La Universala Koncilio, kiun tre deziris la Ortodoksa Rusa Eklezio, nunjare ne okazis kaj eble neniam okazos.

P-ro K. K.

# La Internacia Katolika Kongreso kontraŭ la Alkoholismo

En la nunjara Internacia Kongreso kontraŭ la Alkoholismo (neŭtrala) en *Tartu* (Estonujo) renkontiĝis la katolikoj el diversaj eŭropaj kaj amerikaj landoj en speciala kunveno kaj decidis revigligi la laboron de la Internacia Katolika Ligo kontraŭ la Alkoholismo (fondita 1897 en Bruxelles) kaj aranĝi internacian konferencon de la katolikaj kontraŭ-alkoholaj ligoj en *Heidhausen*, sidejo de la germana katolika kontraŭalkohola movado. En Heidhausen (*Haus Hoheneck)* estas la centrejo de la Kreuzbund (Krucligo), Jungkreuzbund (Junkrucligo), Pastra Abstinenca Ligo, Ligo de Abstinencaj Katolikaj Edukistoj, «Aufrechtenbund» de la infanoj,kaj de la «Reichsausschuss deutscher Katholiken gegen den Alkoholmissbrauch» (Nacia Komitato de Germanaj Katolikoj kontraŭ la Malbonuoz de Alkoholo), kiu fakte kunigas ĉiujn grandajn katolikajn asociojn ĉiuspecajn (virinoj, laboristoj junularo ktp.) de Germanujo. En Haus Hoheneck estas ankaŭ la eldonejo de 6 kontraŭalkoholaj gazetoj.

La kongreso, la unua depost la milito, okazis 3o oktobro ĝis 1 novembro sub prezido de Jonkheer *Ruys de Beerenbrouck*, prezidanto de la nederlanda Dua Ĉambro kaj eksĉefministro de tiu lando. Alvenis salutleteroj de *Kardinalo Bertram* Breslaŭ kaj kanceliero *D-ro Marxi* (Berlin), oficialaj delegitoj de ĉiuj aŭtoritatoj salutis la kongreson.

Ĉeestis delegitoj de 11 ligoj el Aŭstrujo, Belgujo, Francujo, Germanujo, Nederlando, el aliaj landoj, ekz. Svisujo, Polujo, Litovujo, Usono venis salutoj kaj raportoj.

Oni serioze laboris en Heidhausen, aŭdis raportojn el la diversaj landoj, parolis pri agadmetodoj ktp. En Essen okazis kune kun nekatolikaj kontraŭalkoholaj asocioj amasa kunveno, kiu protestis kontraŭ la plilongigo de la polica horo en Prusujo. La ĉefaj parolantoj estis *direktoro Czeloth* (Heidhausen), *Prof. D-ro Ude* (Graz), *S-ino Prof. Nippoldt* (Potsdam), eksministro *Prof. D-ro Strecker* (Berlin). — La kongreso aŭdis bonegan referaton de *rektoro Baumeister*, sekretario de la Germana Caritas-Asocio, pri savo de la drinkuloj, je la fino oni vizitis la modelan drinkulsanigejon *Kamillushaus*.

Sed la ĉefa laboro estis la reorganizo de la Internacia Ligo. Oni studis la financan bazon, elektis internacian komitaton kaj estraron, kiu konsistas el S-ro *Ruys de Beerenbrouck* (Den Haag), prezidanto, kaj S-roj *Prof. van Scheltinga* (Nederlando) kaj *Dir. Czeloth* (Germ.), kiuj dividas inter si la laborojn de la sekretariejo. Oni decidis eldoni kvaronjaran internacian bultenon. Venis propono de aŭstra grupo (subskribita de nia amiko *D-ro Hloucha* en Wien), eldoni ĝin *en Esperanto*. Tiun proponon defendis *Wilh. Solzbacher*, tradukisto de la kongreso. Sed oni malakceptis ĝin, «ĉar la sekretarioj de la landaj ligoj ne komprenas Esperanton» kaj volas provi eldoni ĝin en latina lingvo, ĉar la bulteno ne estas destinita por la granda publiko, kaj la pastroj ĉiuj komprenas latinan lingvon ! — Tamen la plej multaj ne estis principe kontraŭ Esperanto, kaj la prezidanto diris : «Kiam niaj sekretarioj scipovos ĝin, ni uzos Esperanton !» Do niaj amikoj agu en tiu senco, kaj precipe K. M. —legantoj, kiuj estas alkoholkontraŭuloj, el landoj, kie ne jam ekzistas sekcioj de la Internacia Ligo, skribu al la Ligo en Esperanto ! Adresoj de la internacia sekretariejo : Prof. van Scheltinga, *s'Hertogenbosch*, Nederlando kaj Dir. Czeloth, Haus Hoheneck, *Heidhausen (Ruhr)* Germ.

S.

# La germanaj IKA-grupo kaj la Paca Ligo de Germanaj Katolikoj.

La kongreso de F. d. K. en Münster akceptis jenajn rezoluciojn, kiuj speciale interesas nin :

1. Lernado kaj praktikado de la internacia helplingvo Esperanto estas urĝe rekomendata al la membroj.

2. Forta kunlaboro inter niaj grupoj kaj la grupoj de IKA devas esti realigata laŭ la statuto de Essen de la 27.5.25 (resp. 25.10.25), kiu diras :

1. IKA estas internacia organizaĵo, ne havas landajn ligojn, sed lokajn grupojn. F.d.K. estas nacia ligo. IKA kaj F. d. K. laŭ la rezolucio de Beuron intime kunlaboras. Lokaj grupoj de IKA korporative aliĝas al F. d. K.

2. Izolaj membroj de F. d. K. aliĝas al la IKA-grupo de sia loko.

3. Izolaj IKA-anoj aliĝas al F. d. K.-grupo.

4. La organo de F. d. K. «Friedenskämpfer» raportas pri la laboro de IKA kaj disponigas almenaŭ unu paĝon por Esperanto (Rezolucio de Beuron).

Krome en la rezolucioj pri Pan-Eŭropo (la raportisto estis nia Benthena amiko studkonsilisto W. *Knopf*) la 8-a diras :

F. d. K. malakceptas la de Coudenhove-Kalergi postulatan anglan lingvon kiel lingvo de Eŭropo kaj anstataŭ ĝi proponas la multe pli facilan kaj praktikan internacian lingvon Esperanto.

## NONCETOJ

**Prezo** : po enpreso (ĝis 15 vortoj) 0,75 sv, fr. antaŭe pagotaj.

**Katolikaj pacifistoj en Polujo** estas petataj doni siajn adresojn al *Kaspar MAYR*, London, W C 1, Red Lion square (*Anglujo*)

**S-ro W. Grasser** en St. Margareten-Knittelfeld Stirio/Aŭstrujo serĉas korespondajn interrilatojn kun gesamideanoj en sankta lando (Jeruzalemo). Li petas la estimatajn legantojn de **K. M.**, kiuj eble korespondas kun samideanoj de nomita lando, doni al li la necesajn adresojn.

**Mezaĝa germano,** meza oficisto, deziras korespondi kun bonkatolikaj fraŭlinoj aŭ vidvinoj, celante eblan postan edziĝon. Respondos almenaŭ unufoje. Silento certigata. Skribaĵojn pri K. M. 123 al Ekspedejo de K. M., Elberfeld.

**29-jara bonkatolika inteligenta fraŭlino,** oficistino, serĉas edzon. Inteligentaj sinjoroj edziĝemaj, kiuj ne materialan, sed animan riĉecon serĉas, skribu kun fotografaĵo je devizo «Printempa edziĝo» al la eldonejo de K. M., Elberfeld.

**Granda nombro de gemanaj gejunuloj** deziras korespondi kun katolikaj junuloj kaj junulinoj de aliaj landoj en Esperanto, germana, franca, angla, holanda lingvoj. Scribu al MOKA, Honnef a. Rh., Spiesgasse 1 (Germ.)

---

Ĉi tion eĉ ŝi mem ne kredis !

Do nur tion diris ŝi, ke ili fidu je la bona Dio, kiu estas ĉies patro, kaj kiu neniun forlasas. Kaj ĉi tion ŝi diris konvinkiĝinte kaj konvinkite.

Je la fino restis la junaj laboristoj. Junaj laboristoj ? Ne, infanoj, knaboj en la 13-a kaj 14-a jaro. De ili rabis la sorto, la malfavora situacio la plejmulton : la senzorgan, feliĉan infanaĝon. Per maldelikataj manoj oni elŝiris el iliaj manetoj la ludilojn, la ĉevaleton k. t. p., metis en ilin martelon kaj iliajn laborilojn: kaj tondris en iliajn infanorelojn : «Se vi manĝi volas, tiam perlaboru vian ĉiutagan panon !» Kaj la infanoj ekkomprenis la alvokon. — Ridetante prenis sur siajn malfortajn ŝultrojn la zorgon de la vivtenado ; — eĉ eble kun iom da fiereco, ke nun jam ili ankaŭ apartenas al la granda grupo de la laborantoj.

Kaj nun, — ili nur pro tio plorĝemas, ke oni ne volas ilin lasi plu labori.

Finita. La oficejo malpleniĝis, la lasta eksigita fermis post si la pordon. La oficistino demetis sian plumon, senvoĉe rigardis antaŭen, dume ŝiaj larmgutoj libere fluis...

Malantaŭ ŝi sidis unu kolego, la tiel nomata «cinikulo» Tiun ĉi nomon tial li ricevis, ĉar lin en lia granda indiferenteco nenio povis emocii ; li nek ĝojis, nek malĝojis, per samformaj okuloj rigardis kian ajn fluon de la vivo.

Ĉu la ĵus finita sceno ankaŭ faris nenian efikon je li ?

Ĉi tion ekscionte la oficistino turnis sian kapon, kaj jen la vidaĵo : en la okuloj de la «cinikulo» larmgutoj brilas. Kaj la larmgutoj de ŝi kaj de de li ekkomprenis unu la alian, kaj eldiris tion, kion la lipo ne kuraĝis elparoli : «Alvenis la terura sinjoro, alvenis la mizero.»

# La Floretoj de Sankta Francisko

ANTAŬPAROLO

(Fino)

Kaj kiu volas trovi en la utilo la belon, ho la *Floretoj* estas ankaŭ *floroj de literaturo !* Estas devigo de ĉiu vera italo konigi la italajn valoraĵojn kaj belecojn al tiuj, kiuj ne konas ilin, al tiuj, kiuj ne volus ilin koni, konigi ilin pere de la ilo je dispono de ĉiuj, la helplingvo internacia ; kaj estas bele, estas logike komenci de la unua gemo, la *Floretoj*. En la laboro de formado de nia lingvo itala, jam antaŭ ol *Dante* per profundega penso kaj per granda povo de genio ĵetu inter la inferajn flamojn la italan lingvon «por ke pli dia en ĉiel' ĝi sonu», la *Floretoj* sin prezentas kun la naiva ĝentileco, kiu rompas ĉiun atendon kaj nekonscie preparas la vojon al la Titano.

Eble traduko el la latina lingvo, tiu ĉi verko montras la karakteron de la tempo, kiu preparis la lingvon per tradukoj por la popolo, kaj se de la aŭtoro de la originalo latina kaj de la tradukinto, aŭ de la tradukintoj ni ne konas la nomon, al ni sufiĉu scii ke la itala teksto datumas de la unuaj jaroj de la dektria jarcento. Kaj de la dektria jarcento estas la stilo plena je beleco kaj simpleco, spiranta naskiĝan bonodoron kaj klasikan harmonion, kaj stilon facilan, fluantan sen la artifikoj de arto longe prilaborita.

La personoj forsaltas klaraj kaj precizaj ; homoj kaj aĵoj mirinde sin prezentas ; pro tio ŝajnas al ni esti transportitaj per magia ensorĉo al tiuj tempoj, en tiuj lokoj, inter tiuj personoj. Se la alproksimigo estas arto, tie ĉi estas arto, kaj kiom granda arto !

Mi ekvidas ke mi jam tro prokrastis, dum la leganto emas legi la tekston, kiu en la klara kaj efika traduko de *Prof. Pizzi* konservas, kiel mi jam diris, la ravan simplecon de la itala vulgarlingvo ; pro tio oni seninterrompe legas ĝin ĝis la fino kaj leginte oni sentos ankoraŭ la bezonon ĝin relegi.

Ke la spirito de S. Francisko, ĉerpita el la Evangelio, fondita sur la leĝoj de la amo kaj sur la harmonio de la tuta kreitaĵaro, portu al la ĝentilaj legontoj bonon kaj pacon.

*Cortemaggiore (Italujo) la 13-an de Majo 1926.*

P. Modesto Carolfi.

## " Die katholischen Missionen „ misia gazeto de la katoliko

**Aloys Fürst zu Löwenstein** nomas «Die katholischen Missionen» la *«gvidanta misia organo de Germanujo»* kaj diras, ke li ĝojas pri tio, ke la gazeto atingis denove la altan nivelon de la antaŭmilita tempo kaj ke «Die katholischen Missionen» volas venki la spiriton de la naciismo en la misia agado. «Servi al la enlanda misia movado kaj samtempe konduki unu al la alia la misiistojn de ĉiuj nacioj, tio estas la alta celo, al kiu «Die katholischen Missionen» nun denove moviĝas per malnovpruvita, renovigita forto. Dio benu tiun kuraĝon kaj plenumu la konfidoplenan esperon.

**Neniu gazeto en Germanujo kaj Aŭstrujo** havas tiom senrezervan konfidon de la tuta episkoparo, kiel montriĝis en la 53 jaroj en sennombraj leteroj, kiel «Die katholischen Missionen». Ĉi tiu oficiala gazeto de la papa Propaganda Unuiĝo por la germanlingvaj landoj, je kiu kunlaboras ĉiuj misiordenoj, en la nomo de la centraj oficejoj en Aachen, München kaj Wien estas eldonata de la konata misia verkisto P. Bernard Arens S.J. kaj ĉefe volas flegi kaj propagandi la misio-ideon inter la kleraj katolikoj. En la ĝisnunaj volumoj troviĝas vere neelĉerpebla amaso da sciindaĵoj. Sub la varma blovo de la nova misia printempo ankaŭ la germanaj misioj leviĝas al nova kaj pli forta vivo. Kun speciala amo la gazeto sekvas la vojon de la filoj kaj filinoj de nia popolo, kiuj denove grandnombre iras en la tutan mondon, kaj rakontas al la hejme restintoj pri ilia batalado kaj agado ĉe la plej antaŭaj batalejoj de la militanta eklezio de Kristo.

Ĉiumonate aperas unu kajero. La nova (54 a) jarkolekto komenciĝis la 1-a januaro.

**Prezo kvaronjare 2.25 Rmk.** Oni mendu ĉe la librovendisto aŭ ĉe iu postoficejo de la enkaj eksterlando. **Eldonejo de la «Katholische Missionen» Aachen**, Hirschgraben 39, Germanujo.

## Chr. Störmer, Erfurt

(GERM.)

**Bronzo-kaj Sonorilfandejo**



**Liveras sonorilojn kaj kompletajn sonorilarojn, sonoriltrabojn sonormaŝinojn Krome lernejo kaj alarm Sonorilojn**

**En la jaro 1925 pli ol 300 Pregejaj Sonoriloj estas liveritaj**

## Der Friedenskämpfer

**Organo de la katolika paca movado. Eldonata de la Friedensbund Deutscher Katholiken.**

Duajaro. Aperas dumonate kaj informas el katolika vidpunkto pri la paca movado kaj la pacifistaj problemoj. :-:

**PREZO** por duobla numero : **30 Pf.** — Jarabono : **2.00** M. Havebla per la ĉefoficejo, **BERLIN** N. 58 Pappelallee, 60.

## Ĉu vi bezonas

# SKRIBMAŜINON ?

## Prezentigu al vi la




**Apartaj preferoj :**

Malferma Konstrumaniero

Plej facilatuŝmaniero

Senbrua returniro de la Caro

Perforta interspacaĵo de la komencaj literoj

Ĉiuloke agentoj tial ĉiutempe prezentebla

## Vi decidiĝos certe por ĝi

# Maŝinkonstruejo Kappel A.-G.

## CHEMNITZ-KAPPEL

(GERM.)

**FONDITA 1860**

Se vi deziras fari servon al misiofrato, bonvolu mendi por li unu el la bezonaĵoj sekvantaj, kiuj ankaŭ estas bonegaj kiel donaĵo por familianoj ktp. Mi rekomendas la plej modernan, patentitan, milfoje pruvitan

## Flik- kaj Ripar-Aparaton

per kiu la misiistoj povas memripari siajn ŝtrumpojn, vestaĵojn ktp. kiel nove dum kelkaj momentoj, tutegale, ĉu la ŝtofo estas silka, lana aŭ saktola. Facile lernebla, altira laboro. Instrukcio estas aldonata. Prezo po peco du markojn. Plue mi rekomendas la patentitan

## Liliput-Kudrilaron

elegante nikelita; enhavanta fingringon, kudrilojn, agrafojn, fadenbobenojn, silkon ktp. oni povas ĝin porti en la plej malgranda jaketpoŝo. Prezo 2 markojn po peco. Ĉio estas sendota afrankite, poŝtrepage eksterlanden la diferenco de la sendkostoj estas ekstre fakturota.

**Johann von Au, jung, Hopfau Wttbrg. (Germ.)**

## Arto religia

ekzemple plastikajoj, murreliefoj, figuroj laŭ originaloj de antikvaj kaj modernaj majstroj kiel ornamajoj por pastrejoj kaj monaĥejoj enestas en mia nova artkatalogo, kiu estas sendota laŭbezone.

**Kunstverlag Schröer Kevelaer (Germ.)**

## Gesamideanoj

de la Okcidenta Germanujo, venu la 30an de Januaro al **ELBERFELD.** Atentu la detalajojn en la proksima numero

## Bravaj junuloj Katolikaj

17-33 agaj, kiuj volas flegi kiel ordenanoj la dian Savintono en la malsanuloj aŭ servi kiel metiistoj kaj dediĉi sin al ili, trovos ĉiutempe amplenan akcepton en la patrina domo de la kompatemaj fratoj (Barmherzige Brüder) Kloster, St. Alexius, en **NEUSS** / Dusseldorf, aŭ en Berlin- Weissensee, Gartenstrasse 1 — 5.

# Harrach'sch Glasfabrik

**NEUWELT (Bohemujo) — Fondita 1630**

**La plej maljuna vitrofarejo kontinenta.**

*Kvarcvitro, Plumbvitro, Kolorvitro, Luksa vitro, Tualetaj garnituroj, Tablo-kaj hotelo servicoj, Antikvaĵoj, Gravuraĵoj Pentraĵoj, Bezonaĵoj, en lau ĉiu efekturgo* — **Bonvolu demandi oferton.**

## - Janus-Epidiaskop -

**(D. R. Patento n-ro 366044 kaj eksterlandaj patentoj)**

La gvidanta, milope provita kaj bonege juĝata elektra lampobildprojekciilo por projekciado de

**Paper kaj vitrobildoj**



Kvalitoj : plej simpla manipulado mirinda sukceso / moderaj prezoj

Liverebla kun objektivoj ĝis plej altaj postuloj kaj por distancoj de 4 ĝis 9 metroj. Ankaŭ uzebla kiel « Universal-Bildprojekciilo » kun adaptoj por mikro, kino, bildrubando, vertikalo, eksperimentoj, lumĵetilo.

## Ed. Liesegang, Düsseldorf

Listo senpaga ! GERM., Postfach 124

## - CANNES -

FRANCA RIVIERO

V

**Pastro, Profesoro Laŭreato de la Franca Akademio akceptas en**

## FAMILIO - PENSIONON



junulojn kaj sinjorojn, kiuj volas lern francan lingvon en *Francujo* mem. Ankaŭ estas akceptataj junuloj, pastroj, sinjoroj, kiuj pro sia sanstato aŭ pro alia kaŭzo bezonas restadon ĉe la Riviero.

**Sunbanoj - Marbanoj - Familia vivo**

Malfermata dum la tuta jaro

Por prospekto aŭ informoj skribu al

**Villa de Lorrière, CANNES, Franc.**

## Esperantista Centra Librejo

**51, rue de Clichy, PARIS 9.**

Société anonyme à Capital et personnel variables R. C. Seine 4022, eldonas kaj vendas la verkojn de nia majstro D-ro L.L. Zamenhof

Oni petu la katalogon 1926, sendata senpage

**La plej granda ampleksa semajna revuo de Centra Eŭropo estas la semajnrevuo de D-ro Eberle**

## Schönere Zukunft

Eldono semajna de 9000-10000 ekzempleroj, oficiale atestita (Post ekzisto de nur 9 monatoj)

Ĉefprogramo : Ellaborado de la katolikaj principoj pri kulturo, politiko, kaj socia ekonomio ; kritiko de la aktualaĵoj laŭ tiuj ĉi principoj.

**Apartaj individuecoj :** klarigado de la katolika agado en kaj eksterlanda, batalo por revizio de la aktualaj percepto kulturaj, literaturaj kaj historiaj laŭ intenco de emancipo de la katolikoj el la proklamoj de nekatolika scienco, klarigo de la grandega aktuala misio katolika, alvoko de la nuntempaj fortoj de la katolikismo. Sur la kampo de la politiko kaj sociologio estas laborata laŭ senco de la plej bona ideo-trezoro de la skolastikuloj, plue de Victoria, Suarez, de la romantikuloj politikaj, de la enciklikoj de Leo XIII por organa ordo socia, stata kaj internacia. Sur la kampo de la vivo socia kaj ekonomia estas akcentataj kontraŭ la subjektiva akcento de la memlegeco de tiuj kampoj precipe iliaj rilatoj al la mondpercepto kaj ilia dependeco de la postuloj de la religio. Precipa atento estas donata al la problemoj de la liberalismo, socialismo kaj kristana solidarismo kaj al la moderna plutokratio internacia, kiu nuntempe regegas la mondsorton. Ţiu ci plutokrataro estas priskribata konkrete kaj detale car nur per tio la defendovolo de la kristanaj popoloj povas esti vekata

Granda rubriko « **Kulturelle Weltrundschau** donas la plej rican resumon de la religiaj, ekleziaj, sciencaj, literatsuraj kaj sociaj laboroj kaj evoluoj ce la katolikoj de la diversaj landoj.

Rubriko «**Beobachtungen und Bemerkungen**» kolektas gravegajn vokojn epokajn kaj malgrandajn traktajetojn por la ilustrado de la generala programo.

Perioda «**Büchertafel**» donas resumon pri ciuj gravaj novajoj precipe katolikaj.

D-ro **Eberle**, aŭtoro de la libroj « Grossmacht Presse», «Schönere Zukunft » Zertrümmert die Götzen. Die Ueberwindung der Plutokratie, «De profundis» gis nun eldonisto de «Neues Reich» estas kreinta al si per «Schönere Zukunft » novan organon propran kaj pli grandan, por daŭrigi per tio sian preslaboron sur la bazo de pli vastigita programo.

«Schönere Zukunft » ne estas superata per iu alia revuo koncerne la brilo de la kunlaborantaro. Gvidantaj verkistoj en kaj eksterlandaj inter ili episkopoj, politikistoj, unuarangaj verkistoj, universitataj profesoroj ktp. verkas artikolojn por « Schönere Zukunft ».

La programo de « Schönere Zukunft » havas brilajn rekomendojn de kardinaloj, episkopoj kaj aliaj gvidantaj personoj katolikaj.

Abonprezo kvaronjare 4.50 RM. Prospekto kaj specimena ekzemplero senpage.

Eldonejo « **Schönere Zukunft** »,

Wien XIX
Nusswaldgasse 14

Presejo : Imp. F. Collins, Charleroi, Belgio.

